Unua jaro. — N° 2. Februaro 1911.

# FERVOJA ESPERANTISTO

DUMONATA GAZETO

Organo de INTERNACIA ASOCIO DE LA ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

Jara abono : ₷ 1.
Unu N° : ₷ 0,2.
Anoncoj : 1 paĝo : ₷ 5 ;
1/2 paĝo : ₷ 3 ;
1/4 paĝo : ₷ 2.

REDAKCIO
S-ro Bontemps
Administranta Redaktoro
(La Prezidanto de la Asocio rajte estas Direktoro de la gazeto).
ADMINISTRACIO
Centra Presejo Esperantista
33, rue Lacepède, Paris

Ĉiujn manuskriptojn, abonmendojn, anoncojn, k.t.p., adresu al S-ro BONTEMPS, staciestro, Parennes (Sarthe), Francujo.
La redakcio rezervas al si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn. — Artikolojn ne akceptitajn oni ne povas resendi.

Karaj gekolegoj kaj samideanoj, bonvolu akcepti la sincerajn bondezirojn de «Fervoja Esperantisto» por la nova jaro.

## LETERO DE D^RO ZAMENHOF

*Kara Sinjoro !*

*Vian leteron de 5/12 kaj ankaŭ la unuan numeron de la «Fervoja Esperantisto» mi ricevis kun plezuro. Koran dankon !*

*Al via societo kaj al via organo mi sendas miajn plej bonajn dezirojn.*

*L. L. Zamenhof.*

# ĈIUJ AL LA SEPA KONGRESO

La Sepa Universala Kongreso de Esperanto okazos, en Antverpeno, de la 20-a ĝis la 27-a de Aŭgusto 1911 (kotizaĵo 5 $).

Ni tre firme esperas, ke la fervojistoj, anoj de nia Asocio, multnombraj ĉeestos la fakajn kunvenojn, kiujn ni organizos dum tiu Kongreso.

De nun, ni enpresos, en nia gazeto, la nomojn de niaj kolegoj, kiuj intencas ĉeesti ĝin.

Petu aliĝilon de S-ro D-ro W. Van der Biest, Minderbroedersrui 76, Antwerpen (België).

# DANKON AL LA GAZETARO

La gazetaro akceptis nin afable ; pro la neebleco doni ĉiujn opiniojn, ni nur kopios la jenajn vortojn, el la « Holanda Pioniro » :

« Kun plezuro ni konatiĝis kun " Fervoja Esperantisto "..... ĝi kul-
» turas tute novan kampon, kiu multe promesas, ĉar se ia metio estas vere
» kosmopolita, estas ja tia..... Floru, kreskadu ĉi-tiu esperplena nova
» branĉo, kies glora estonto certe estas proksima. »

F. E. dankas sincere la tutan esperantistan gazetaron.

# KRONIKO

AŬSTRUJO. — *Nymburk* (Bohemujo). — Post klopodoj de nia asociano, S-ro Josef Silhart, fervoja konduktoro en Nymburk, fervojista grupo fondiĝis en tiu urbo ; prezidanto : S-ro Blazêk, sekretario S-ro Stein, kasisto : S-ro Mottl, bibliotekisto : S-ro Neumann.

En la apudaj urboj : Vlakava, Bobrovice, Libice, Caslava, Kutna Hora, multaj fervojistoj eklernas Esperanton ; la bonega cirkulero de la fervoja ministro en Aŭstrujo donas, de nun, bonajn rezultatojn.

FRANCUJO. — *Lyon'o*. — La parolado farita la 11-an de Novembro de S-ro Drudin, prezidanto de l'Amikaro Esperantista en Lyon'o, tre bone sukcesis ; la kunveno estis prezidita de S-ro Jabeuf, delegito de U. E. A., kiu, kun kelkaj vortoj, prezentis la oratoron, kaj estis ĉirkaŭita de S-roj Planat kaj Mion, inspektoroj de la kompanio P. L. M.

Post kelkaj klarigoj pri la lingvo Esperanto, S-ro Drudin montris la utilecon de tiu genia lingvo speciale por la fervojistoj, kiuj povos doni al la vojaĝantoj ĉiujn necesajn informojn dum la vojaĝoj en fremda lando.

En la tago, kiam ĉiuj fervojistoj parolos Esperanton, ĉiuj vojaĝantoj, veturantaj trans la limoj, volos lerni ĝin.

Tiun ĉi tagon, grava progreso estos farita por la disvastiĝo de Esperanto kaj de la pacaj ideoj inter la diversaj popoloj.

La diversaj gazetoj en Lyon'o raportis tre favore pri tiu sukcesplena parolado.

Sekve de tiu kunsido, esperanta kurso malfermiĝis la 17-an de Novembro en salono de la stacidomo Saint-Paul (Sankta-Paŭlo); dudeko da gelernantoj aŭskultis la profesoron, S-ron Deronzières.

Ni kore dankas S-rojn Drudin kaj Deronzières pro tiu bona propagando.

*Lyon'o.* — Ni legas en la januara numero de «Franca Esperantisto», ke nova fervojista grupo fondiĝis apud la granda stacidomo de «La Mouche» (La Muŝo). Provizora sidejo 7, Avenue Berthelot. Prezidanto : S-ro Schaub, 165, avenue Berthelot.

GERMANUJO. — En Germanujo fondiĝis, la 2-an de Oktobro 1910, «Unuiĝo de la Esperantistaj Germanaj Fervojistoj», kiu celas propagandi Esperanton inter la germana fervojistaro.

La anoj de tiu societo estas, de nun, sufiĉe multaj, por ebligi la eldonon de monata gazeto «Fervojo Esperantisto», kiu faciligos la lernadon de nia lingvo al la germanaj fervojistoj.

Tuj post la fondo de tiu societo, la prezidanto, S-ro Otto Glade, staciestro en Küllenhahn, apud Elberfeld, sendis leterojn al 19 fervojaj kompanioj en Germanujo, por ke ili bonvolu rekomendi la lernadon de Esperanto al ĉiuj fervojistoj. Plie, tiu agema kolego sendis artikolojn al diversaj fakaj gazetoj.

La celoj de tiu nacia societo estas tro similaj al la niaj, por ke ni ne aprobu ĝin : ju pli la germana unuiĝo varbos membrojn, des pli nia internacia Asocio ricevos germanajn anojn, por la plej granda sukceso de nia kara lingvo.

Do, ni sendas sincere al niaj germanaj kolegoj niajn plej korajn dezirojn por la plena progresado de tiu entrepreno.

USONO. — *Washington D. C.* — Ni ricevis tro malfrue por enpresi en nia 1-a numero, la jenan adreson :

« Washington D. C. La esperantistaj fervojistoj, kunvenintaj en la sepa
» Internacia Kongreso, sendas sian plej koran saluton al ĉiuj membroj de
» la "Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj."
» Ĉiam antaŭen, kiel eble plej rapide.
» G. W. Lee, Lisle Terwilleger, John A. Sheil, Roger P. Heller, Nor-
» man H. Hastings, R. Flessing, G. Warnier. »

En la nomo de la anoj de nia Asocio, ni dankas sincere niajn usonajn kolegojn pro tiuj afablaj paroloj, kaj sendas al ili niajn plej korajn salutojn.

*Atlanta.* — Nia fervora delegito en Usono, S-ro Wellons, skribas al ni, ke, post diversaj klopodoj, li presigas kelkajn anoncojn en la fervojaj gazetoj en Usono : « Mi esperas havi baldaŭ kelkajn rezultatojn por raporti al vi, li diras, sed bonvolu almenaŭ diri, ke Ameriko raportas *Espero*'n, kaj estontajn planojn, kaj ke la jam esperantistoj fervojaj rigardas kun granda intereso la noblajn penojn de niaj eŭropaj kunfratoj. »

DANUJO. — Nia agema delegito, S-ro Hinrichsen, petis, antaŭ kelkaj monatoj, de sia ĝeneraldirekcio, la saman favoron, kiun niaj saksaj kolegoj ĵus ricevis de sia ĝeneraldirekcio, nome la permeson pendigi *senpage* afiŝojn pri la societo » Esperanto » en la Dresdenaj stacidomoj. Tiu peto malsukcesis; tamen la direkcio ne estas tute sen intereso por nia afero, ĉar sur la 2-a paĝo de gvidlibreto pri Kopenhago, oni povas legi unupaĝan anoncon de la danaj kaj meklenburgaj ŝtatfervojoj, redaktitan *Esperante,* kaj pagitan 100 kr. (55,5 ₷).

La kvar fakgazetoj el Danujo afable raportis pri nia 1-a numero, eĉ unu el ili represis pecon de la enhavo.

---

# DIVERSAJ AVIZOJ

---

Ni tre petas niajn asocianojn, kaj speciale niajn delegitojn, ke ili sendu al ni raportojn pri la progresoj de la esperantista movado tra la fervojistaro en ilia urbo aŭ regiono.

---

La adreso de nia franca delegito, S-ro LAMY, Gabriel, estas ŝanĝita jen ĝi estas nun : 23, rue de la République, *Somain* (Nord).

---

Kiam tiu numero aperos, la diversaj rondirantaj kajeroj, starigitaj par studado de la demandoj proponitaj en niaj kopenhagaj kunvenoj, estos senditaj al ĉiu iniciatoro.

De nun, ni enskribos la nomojn de la asocianoj, kiuj intencas ricevi unu el tiuj kajeroj por prezenti siajn argumentojn.

---

# OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE I. A. E. F.

### REKOMENDATAJ AL ĈIUJ NIAJ ASOCIANOJ

---

| | | | |
|---|---|---|---|
| Oficiala leterpapero, | 100 folioj | 0,90 ₷ | afrankite |
| » » | 50 » | 0,50 | » |
| Oficialaj kovertoj, | 100 ekz. | 0,50 | » |
| » » | 50 » | 0,30 | » |
| Oficialaj poŝtkartoj | 100 » | 0,75 | » |
| » » | 50 » | 0,40 | » |

Ĉiuj mendoj estu sendataj al S-ro Bontemps, staciestro en Parennes (Sarthe), Francujo.

---

# FERVOJISTOJ, MEMORU, KE

1 $S =

| | |
|---|---|
| Aŭstrujo-Hungarujo | 2 krone 50 |
| Francujo | 2 francs 50 |
| Germanujo | 2 mark |
| Granda-Britujo | 2 shilling |
| Holandujo | 1 gulden 2 |
| Japanujo | 1 yen |
| Portugalujo | 1/2 milreis |
| Rusujo | 1 rubl. |
| Svedujo | 2 krona |

Belgujo, Bulgarujo, Grekujo, Italujo, Rumanujo, Serbujo, Svisujo, same kiel Francujo. Danujo, Norvegujo, same kiel Svedujo.

---

# LETERKESTO

---

*S-ro Sandecki, Varsovio.* — Bonvolu sendi precizajn adresojn de niaj Asocianoj en via urbo. La ekzemplerojn de nia 1-a numero la poŝto resendis al ni, kun la vorto «nekonata».

*S-ro Aussenac, St-Dizier.* — Jes, ni akceptas plezure la artikolojn, pri fervojaj aferoj, senditaj de niaj asocianoj-abonantoj.

*Diversaj francaj Asocianoj.* — Efektive, la francaj fervojistoj de nia Asocio povus kunveni familie dum la Lyon'a Kongreso (22-an de Aprilo 1911). Plezure ni ricevos la nomojn de la ĉeestontoj.

---

# KOLEKTANTARA FAKO

*(La abonantoj rajtas kvarlinian anonceton.)*

---

S-ro Gabrielo LAMY, fervojisto, 23, rue de la République, *Somain* (Nord), Francujo, deziras interŝanĝi il. poŝtkartojn kaj korespondi kun la tutmonda Esperantistaro, precipe pri fervojaj aferoj ; ĉiam respondas.

---

# NOMARO
## de la Anoj de I. A. E. F.

*(Sekvo.)*

No | **GRANDA BRITUJO**

7 S-ro C. W. Barton, staciestro, stacio de *Cromer* (Norfolk).
45 S-ro Henry Beaumont, signal-oficisto, The Green, *Knottingley* (Yorkshire).
44 S-ro Johano Birtwistle, fervoja komizo, 6, Rigby Lane, Bradshaw, *Bolton* (Lancashire).
43 S-ro John Cuthbert, fervoja skribisto, 3, Ettrick-place Pollokstrass, *Glasgow* (Skotlando).
6 S-ro William Frawbridge, kolektisto de fervojaj biletoj, 20, Prairie street, *Battersea-London S. W.*
180 S-ro Freeman W. Crofts, fervoja inĝeniero, *Coleraine* (Irlando).
23 S-ro A. Gracey, fervojisto, 67, Vaughan Road, *Harrow-on-the-Hill* (Middlesex).
66 S-ro A. E. Halksworth, fervoja inĝeniero, Vicarage Villas, Vicarage Road, *Kennington Nr Ashford* (Kent).
8 S-ro John E. Hart, kolektisto de fervojaj biletoj, stacio *Clapham-Junction-London S. W.*
108 S-ro George Hussey, signalisto, Gatehouse, *Jaseley-Eye* (Suffolk).
143 S-ro Richard Lishmann, lokomotiva konstruisto, Camborne Grove, 4, *Gateshead-on-Tyne* (Durham).
117 S-ro R. Morris, fervojisto, stacio *Clapham-Junction-London S. W.*
118 S-ro John Staplehurst, fervojisto, stacio *Clapham-Junction-London S.* W.
135 S-ro George Watson, lokomotiva konstruisto, 24, Exeter street, *Gateshead-on-Tyne* (Durham).
5 S-ro George Watts, fervoja interpretisto, 23, Eckstern Road, *Clapham-Junction-London S. W.*
21 S-ro J. C. Wilson, fervojisto, 44, Oxford Road, *Harrow* (apud Londono).
22 S-ro J. Woodfield, fervojisto, 11, Bowen Road, *Harrow* (apud Londono).

**HOLANDA HINDUJO**

136 S-ro L. C. Koppen, fervojisto, *Djombang* (Java).

**HOLANDUJO**

77 S-ro J. Bal, fervoja komizo, Goederenklerk SS, Nassau Singel, 18, *Breda.*
93 S-ro Hermanns Haenen, fervoja konduktoro, Spoorwegconducteur, *Boxtel.*

181 S-ro F. NIEUWENHOVEN, ĉefkonduktoro, *Blerik*.
141 S-ro J. F. E. VON RÖMER, fervojisto, Bussummergrindweg 41, *Hilversum*.

## JAPANUJO

128 S-ro K. TAKAHAŜI, ĉefa inĝeniero, hidro-elektra oficejo, *Kabe* (Aki).

## LUXEMBOURG (Granda Duklando).

127 S-ro Theodore BURTON, direktoro de fervojo, *Bettembourg*.

## NORVEGUJO

146 S-ro Honoratus BONNEVIE, fervoja asistanto, Bilestraede 42, *Kristiania*.
158 S-ro Ole A. SIVERTSEN, fervoja telegrafisto, stacio *Finse*.

## RUSUJO

171 S-ro R. ANDRZEJEWSKI, fervojisto, stacio *Koluŝki* (Polujo).
59 S-ro K. BALCERKIEWICZ, fervojisto, stacio *Varsovio* (Polujo).
173 S-ro Ignacy BRZOSTOWSKI, fervojisto, stacio *Koluŝki* (Polujo).
172 S-ro Fr. CYVINSKI, fervojisto, stacio *Koluŝki* (Polujo).
177 S-ro Jan CYVINSKI, fervojisto, stacio *Koluŝki* (Polujo).
169 S-ro Stanislavo DEMBSKI, fervojisto, stacio *Koluŝki* (Polujo).
61 S-ro L. FERENCOVIĈ, fervojisto, stacio *Varsovio* (Polujo).
63 S-ro GREFKOVIĈ, fervojisto, staɔio *Varsovio* (Polujo).
138 S-ro Franco GREGORCZYK, fervojisto, stacio *Lodz-Karoler*.
4 S-ro Aleksandro JOSIĈ, fervoja maŝinisto, stacio *Koluŝki* (Polujo).
137 S-ro Petro NOVAKOVSKI, fervojisto, stacio *Lodz-Vidzer*.
60 S-ro B. PABUDZINSKI, fervojisto, stacio *Varsovio* (Polujo).
168 S-ro Zygmunt PSTRUSZENSKI, fervojisto, stacio *Koluŝki* (Polujo).
170 S-ro Stanislavo ROSIAK, fervojisto, stacio *Koluŝki* (Polujo).
58 S-ro F. SANDECKI, fervojisto, 6, str. Ujazdowska, *Varsovio* (Polujo).
15 S-ro Stanislavo SUDELIK, fervojisto, stacio *Koluŝki* (Polujo).
62 S-ro V. TROMPETELER, fervojisto, stacio *Varsovio* (Polujo).
175 S-ro Boleslavo YUZVIAK, fervojisto, stacio *Koluŝki* (Polujo).
88 S-ro Profesoro Kaz. WASILEWSKI, fervoja kontroloro, 123, str. Marszalkowska, *Varsovio* (Polujo).
83 S-ro Michal WOJCIECHOWSKI, substaciestro, stacio *Bedzin*.
174 S-ro Bronislavo WYSZKOWSKI, fervojisto, stacio *Koluŝki* (Polujo).

## SVEDUJO

157 S-ro Karl Werner AREEN, fervojisto, Strömsnäs, *Krylbo*.
156 S-ro Gustav A. JANSSON, fervojisto, Strömsnäs, *Krylbo*.
154 Robert JANSSON, fervojisto, stacio *Skifed*.
150 S-ro C. A. JOHNSON, fervojisto, stacio *Asheda*.
84 S-ro Hjalmar LINDSTEDT, fervojisto, stacio *Rautas* (Norrbottens län).
153 S-ro John LUNDELL, fervojisto, stacio *Edsgatan*.
145 S-ro John LUNDGREN, Byråassistent, *Hedemora*.

144 S-ro Wald. PRIOR, lokomotivkondukanto, stacio *Nässjö*.
152 S-ro S. RUNDFELDT, fervojisto, stacio *Edsgatan*.
151 S-ro David SANDBERG, fervojisto, stacio *Bollnäs*.
147 S-ro Vilhem SJÖSTRÖM, fervojisto, centra stacio *Gefle*.

## SVISUJO

80 S-ro Makso ERNST, fervoja sekretario, Bahnhofstrasse 27, *Basel*,
79 S-ro Enriko RUSTERHOLZ, fervoja termezuristo, Leimenstrasse 2, *Basel*.
81 S-ro Erwin WYSS, fervojisto, Güterexpedition S. B. B., *Basel*.
149 S-ro Roberto ZIMMERLI, fervojisto, Ruchfeld, *Münchenstein* (apud Basel).

*(Daŭrigota.)*

---

**Avizo.** — Erare ni skribis en nia 1-a numero : 99 S-ro Willy ROMSNER, Rosenstrasse, Dresden-A. Bonvolu legi : S-ro Willy *Rommel*, Rosenstrasse *62*, Dresden-A.

---

## ABONMENDILO (MODELO)

*Mi abonas la gazeton "Fervoja Esperantisto".*

*Nomo kaj antaŭnomoj :*

*Profesio :*

*Adreso :*

*Skribi tre legeble, kaj sendi kun responda mono (1 ₷) al S-ro Bontemps, staciestro, en Parennes (Sarthe), Francujo.*

---

## ALIĜILO (MODELO)

*Mi petas mian aliĝon al I. A. E. F. Por tio, mi sendas al vi entenate la sumon de 0,50 ₷.*

*Dato kaj subskribo :*

*Nomo kaj profesio :*

*Adreso :*

*Bonvolu skribi legeble kaj plene, kaj sendi kun responda mono (0,50 ₷) al S-ro Bontemps, staciestro, en Parennes (Sarthe), Francujo.*

Centra Presejo Esperantista, 33, rue Lacépède, Paris. *Le gérant :* A. BERLANDE.